# der esperantist

Mitteilungsblatt der Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund

8. Jahrgang Nr. 52 März–April 1972 30 Pf

## Novaj direktivoj

Ĉu vere necesas novaj direktivoj kiel bazo por la agado de la esperantistoj en GKL de GDR? Ĉu la malnovaj ne plu validas, ne plu taŭgas? Kiam ni akceptis en la jaro 1965 la ĝis nun validajn konatajn „Direktivojn por la agado de la esperanto-amikoj en la Germana Kulturligo" ni bazis nin sur bezono novorganizi la esperantomovadon en GDR, ne sekvante modelon de la neŭtralisma movado sed nin bazigante je la principoj de nia socialisma socio. Tio signifis:

a) Plena ideologia novorientigo kaj malakcepto de neŭtralismaj anarkismaj kaj aliaj utopiaj ideoj:

b) la unuaj organizaj paŝoj.

Intertempe pasis sep jaroj da streĉa, multflanka laboro. Certe, ne ĉiam kaj ĉie ni povas kontenti pri la sukcesoj. Sed tute rajte ni povas diri, ni donis al la esperanto-movado en GDR novan socialisman vizaĝon. Ni kolektis spertojn kaj substrekas: Nia bazo kaj niaj principoj estas sanaj. Tial ankaŭ ne malestas kontinua, se ofte ankaŭ nur paŝeta, en suprenevoluo. Nia laboro ĝuas pli kaj pli da socia rekono. Sed multo okazis dum sep pasintaj jaroj en la internacia kaj nacia vivoj. Necesas ĉiam denove akordigi niajn agadojn kun la sociaj necesoj. Kaj la sociaj postuloj al niaj aktivecoj esperantistaj ege kreskis kaj daŭre kreskas. Ni nur pensu pri la evoluo de la kunlaboro inter la socialismaj ŝtatoj en politika, ekonomia, kultura kaj aliaj sferoj. Plue la politika klimato en Eŭropo ŝanĝiĝas malrapide sed certe konforme al la principoj de paca kunekzistado. Samtempe akriĝas kaj plikomplikiĝas la ideologia batalo inter imperiismo kaj socialismo.

Sufiĉe da kaŭzoj do por proponi, diskuti kaj akcepti novajn direktivojn. La okupiĝo kaj funda diskuto pri tiuj direktivoj helpu al ni daŭre pli konsciiĝi pri la celoj, enhavoj kaj karaktero de nia laboro. Okaze de strata kolekto por Vjetnamio en Berlin oni legis sloganon. „Hanojo estas al ni pli proksima ol Bonn". Tion pripensu. Kaj plue, ĉu kaŝi, ke ni esperantistoj de GDR vidas rangvicon en la kunlaboroj inter socialismaj kaj okcidentaj landoj? Kompreneble, la evoluo kaj ĉiuflanka profundigo

# *La blinduloj de GDR uzas Esperanton*

Unu el la taskoj de la Germana Blindula-kaj-Malfortevidula-Ligo estas, konatigi la viddifektitajn civitanojn de GDR kun la kultura vivo de nia socio kaj ĉiuflanke prosperigi ilian kulturan agadon. Pri tio ekde kelkaj jaroj ankaŭ la internacia lingvo Esperanto prenas ne malgravan lokon. Jam en la jaro 1965 oni komencis brajloskribe publikigi en la gazeto de la ligo „Kulturpolitische Zeitschrift" la lernokurson de Paul Lindner.

1968 la prezidiumo de GBML akceptis decidon pri la esperanto-laboro, enhavanta la jenajn ĉefideojn: la Germana Centra Librejo por Blinduloj en Leipzig presos brajloskribe la necesajn verkojn por lernado kaj praktika uzado de Esperanto; la ligo preparos la eldonon de punktoskriba esperanto-gazeto; ĉiuj blindaj esperantistoj aliĝu al la laborrondoj en la Germana Kulturligo.

Hodiaŭ oni povas noti bonajn rezultojn de la laboro laŭ ĉi tiu decido. Intertempe en la Germana Centra Librejo por Blinduloj estas presataj la lernolibro de Ludwig Schödl „Ni lernas paroli Esperanton" kaj la esperanta-germana vortaro de Krause. Ambaŭ libroj trovis en GDR kaj eksterlande multajn interesulojn. Nun estas pritraktata la problemo, produkti certan provizon da legaĵo por esperantistoj en brajloskribo kaj sur sonbendoj.

Ankaŭ la klopodoj pri la eldono de brajloskriba esperanto-gazeto sukcesis. Ekde 1971 aperas la kvaronjara gazeto „Amikeco", kiun aktuale legas 180 blindaj esperantistoj en 27 landoj. Speciale ni ĝojas, ke ĝi trovas grandan interesiĝon ĉe niaj amikoj en Sovetunio kaj aliaj socialismaj landoj. Ĉi-tiu gazeto respegulas la vivon de la viddifektuloj en nia socialisma ŝtato, raportas pri politikaj, ekonomiaj kaj kulturaj faktoj kaj subtenas la progreseman esperanto-movadon. Laŭ ĝia nomo la gazeto ankaŭ kulturas la amikecon inter la blindaj homoj de diversaj landoj, antaŭ ĉio de la socialismaj landoj.

Ke ni rigardas Esperanton kiel instrumenton de la praktiko montras la planata diskutado pri la profesia trejnado kaj enlaborigado de blinduloj en diversaj landoj sub la rubriko „la gelegantoj kiel aŭtoroj".

Eksterlandaj abonantoj ricevas „Amikecon" senpage. Ĝi estas mendebla ĉe *Deutsche Zentralbücherei für Blinde zu Leipzig, DDR-701 Leipzig, Gustav-Adolf-Straße 7.*

Ĉi-ĉiuj sukcesoj kaj planoj estas eblaj nur per la grandega helpo flanke de la vidantaj esperantistoj en la Germana Kulturligo. Tiel ni rajtas nomi kamaradon Otto Bäßler el Leipzig patro de „Amikeco". Li kaj aliaj fakuloj helpis kaj helpas nin per iliaj riĉaj spertoj kaj bonaj ideoj. Oficiala laborkontrakto inter la centra estraro de GBML kaj la Centra Laborrondo Esperanto en la Germana Kulturligo levos la kunlaboron

(daŭrigo pĝ. 3)

---

(sekvo de pĝ. 1)

de la kontaktoj al esperantistoj el Soveta Unio, Pollando, Ĉeĥoslovakio, Hungario kaj Bulgario, kie ja ankaŭ ekzistas fortaj movadoj, estas por ni speciale gravaj. Tio tamen ne signifas, ke ni ne pretas kunlabori kun ĉiu ajn progresema esperantisto aŭ organizo el ĉiu ajn lando. Ja la ĉefdemando ĉiam estas por kiu celo!

# El IPE-kalendaro 1933

## „Fratoj al sun'..."

La kanto, plej ofte kantata en laboristesperantistaj rondoj estas verŝajne „Fratoj al sun'...". De kiam ekzistas ĝia esperanto-traduko? Kiam kaj kie ĝi estis kantata la unuan fojon?

Estis 1921. Areto da revoluciaj esperantistoj deziris fondi tutmondan organizon en Praha. Sed nur malmulte da kamaradoj povis vojaĝi tien. Tial la laboristaj esperantistoj el Dresden aranĝis antaŭkongreson por ebligi al la hejme restintaj kamaradoj diri siajn opiniojn.

En la popoldomo kolektiĝis rondo el fervoraj kamaradoj, inter kiuj troviĝis kelkaj eksterlandanoj. Iun vesperon en kunvenĉambro estis aranĝita interkonatiĝo kun diversaj prezentoj. Ĉar tiutempe tute mankis konvena materialo, la kamaradoj el Dresden kelkajn semajnojn antaŭe estis petintaj min, havigi kion ajn uzeblan. Malfacila afero.

Tiam mi laboris en Chemnitz. Estante uzinkomitatestro mi ofte hejmen venis nur malfruvespere. Dumnokte kaj dimanĉe mi kompilis „Laborista Esperantiston", kies redaktanto mi estis. Dum la taktakritmo de la trajnoradoj mi tradukis kelkajn laboristajn kantojn, tiam plej ofte kantatajn, kiel „Fratoj al sun'...", „Varŝavjanka" ktp. En verdkovrilo, mallarĝa kajereto, titolita „Kantaro por laboristaj esperantistoj" mi trovis ilin presitaj ĉe mia alveno en Dresden.

Dum la menciita konatiĝa vespero oni devigis min deklami ilin. Ripete ni kantis dum tiu ĉi vespero kaj poste en Praha la kanton: „Fratoj al sun'...". Brilis la okuloj, kaptis nin entuziasmo, interpremiĝis la manoj. Vivas la kanto kaj nun ekestis Internacio de Proleta Esperantistaro. Mia modesta kunlaboro do, ne estis senrezulta. *P. Rauschenbach*

---

(sekvo de pĝ. 2)
sur pli altan nivelon. Antaŭ ĉio estas la konsekvence marksisma-leninisma starpunkto de la kamaradoj en la Centra Laborrondo, helpanta nin aliri la laboron sen iluzioj, sed kun realaj imagoj. Ankaŭ ĉi-loke ni kore dankas la amikojn en la Germana Kulturligo pro la ĉiama helpo per konsilo kaj faro.

En l'estonteco ni uzos la ekzistantajn eblecojn (lernolibrojn ktp.) ankoraŭ pli bone. Tio signifas varbi novajn amikojn por Esperanto. Tiucele estas preparataj germanlingvaj artikoloj por la publikaĵoj de nia organizaĵo, klarigantaj la strukturon, historion kaj nuntempan signifon de la internacia lingvo. La sekvonta paŝo estu la praktika uzado en kaj por nia laboro. Ekzemple estas pripensende, ĉu profesiaj grupoj kiel la masaĝistoj povus organizi pli bone la internacian spertoŝanĝadon helpe de Esperanto. Krom tio montriĝas la unuaj konturoj de kunlaboro kun la redakcioj de la brajloskribaj esperanto-gazetoj en Pollando „Pola Stelo" kaj en ĈSSR „Aŭroro".

Ni ankoraŭ staras ĉe la komenco de la esperanta praktiko. Sed ni scias. ke estas necese antaŭeniri, ĉar Esperanto ja ne estas iu ajn ludaĵo, sed utila ilo en nia laboro. Ĝi povas pliriĉigi la vivon de la individuoj kaj plifaciligi la internacian agadon de la organizaĵo. *Günter Heil*

# EL LEA-KANTARO Berlin 1931

## Himno

*Fratoj al sun', libereco,*
*Fratoj nun supren al lum'!*
*Hel' el mallum' estinteco*
*Brilas la suno nin nun.*

*Vidu la frataj milionoj*
*Venas el nokto al ni,*
*Ĝis la sopir' de legionoj*
*Turnos la sorton de vi.*

*Donu la manon nun, frato,*
*Moku pri morto kaj fal':*
*For la sklavec' kaj malsato*
*Sankta la lasta batal'!*

*Rompu la jug' de l' tirano,*
*Kiu turmentas vin.*
*Flirtu la sangruĝa flago,*
*Super la mond' svingu ĝin.*

*Trad. Rauschenbach*

**Esperanto-gazetoj**

Se vi serĉas korespondamikojn el la socialismaj landoj, jen la adresoj de la esperantogazetoj:

1. **„Horizonto de Soveta Litovio"** Esperanto Sekcio en Litova Societo de Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Eksterlandoj, **Vilnius 232000,** Kostiuŝkos 36, Litova SSR, Sovetunio.
2. **„Slovaka esperantisto"** Dr. Ludoviko Izak, Vilao Esperanto, Rastislav-strato 13, **Martin,** ĈSSR
3. **„Bulgara Esperantisto"** poŝtkesto **66**, **Sofia**/Bulgario
4. **„Hungara Vivo"** Kenyermezö utca 6, **Budapest VIII**/Hungario
5. **„Hungara Esperantisto"** Kenyermezö utca 6, **Budapest VIII**/Hungario
6. **„Pola Esperantisto"** ul. Jasna 6, **Varsovio/Pollando**
7. **„Starto"** Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Blanická 4, **Praha 2**/ĈSSR

**„Hungara Fervojisto"**, Budapest VI, Nepköztársasàg utja 73—75, redaktoro Dr. Istvan Bacskai.

**Letero flugis ĉirkaŭ la teron**

Ronneburg: Reveninte el la kurorto Bad Elster, s-ino Haffke konservis el Ronneburg la travivaĵon de profunda amikeco kun vjetnama kuracistino en la koro. Kun aliaj gepatriotoj ŝi estis enflugita rekte el la bataldistriktoj de Sudvjetnamio al GDR por resaniĝi.

Post longa tempo alvenis de ŝia siatempa amikino letero kun strangaj punktetoj kaj streketoj super la latinaj literoj. Ĝi estis skribita vjetname. La filino de s-ino H. alportis ĉi tiun leteron al la Esperanto-rondeto, ĉar la patrino sciis, ke ni havas viglan korespondadon kun Hanojo kaj verŝajne ankaŭ komprenus la vjetnaman. Sed ni flegas bonan amikecon kun Vjetnamio pere de la internacia lingvo Esperanto.

Denove flugis la letero returne, ĉifoje al Hanojo, estis tradukita esperanten, revenis al GDR, ĉifoje al mi, la Esperanta kursgvidanto. Nun mi povis traduki por la patrino la leteron germanen, kiu estas por ŝi nepagebla trezoro. En la familio de Haffke nun estis granda ĝojo.

*Kurt Heeg,*
kursgvidanto de gelernantoj

# La juna esperantisto

## 28-a TEJO-kongreso

Ni represas partojn el la unua bulteno de la organiza komitato: La 28-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO okazos en Pollando, en lando precipe merita por la monda scienco kaj kulturo. En pola urbo Torun, kiu kun granda honoro gastigos la partoprenantojn de la TEJO-kongreso, naskiĝis antaŭ duonmiljaro Nikolao Kopernik.

Partoprenante la programon de la Kongreso la esperantistoj ankaŭ volas honori la 500-datrevenon de la naskiĝo de la granda astronomo Nikolao Kopernik.

La organizantoj de la Kongreso deziras konatigi vin kun nia lando, kun ĝiaj atingoj, montri al vi la turistajn kaj kulturajn valorojn de Pollando. Por vi estas preparata riĉa kaj altvalora programo. Karaj geamikoj.

Vizitu la urbon, en kiu loĝis kaj laboris ankaŭ la patro de Esperanto-poezio Antoni Grabowski.

La 28-an Internacian Junularan Kongreson de TEJO rajtas partopreni ĉiu esperantisto ĝis 30 j.

*(Esceptoj tamen eblas — rimarko de CLR)*

Esperanto-junularo en socialismaj landoj povas aliĝi kaj pagi la kotizon en nacia valuto pere de E-organizaĵoj kaj junularaj vojaĝoficejoj. La junularaj vojaĝoficejoj informas pri alteco de la kongreskotizoj, akceptas aliĝilojn kaj kotizojn de landa junulara Esperanto-organizaĵo.

*Petu aliĝilojn ĉe Centra Laborrondo, kiu kunlaboras kun Jugendtourist.*
Jen la Programo:

**La 16-an de julio — dimanĉo — Interkona tago**

Alveno de la partoprenantoj / interkona vespero.

**La 17-an de julio — lundo — Tago de la popoloj**

Solena malfermo de la Kongreso / inaŭgura prelego: „Junularo kaj la Tria Mondo“ / vizitado de la urbo kun Esperanto-ĉiĉeronoj / komitatkunsido de TEJO / internacia folklora vespero.

**La 18-an de julio — mardo — Tago de Nikolao Kopernik**

Seminario pri Nikolao Kopernik kiel VIII-a Internacia Esperanto-Seminario de Studenta Scienca Rondo de Esperantistoj en Torun / vizitado de la ekspozicio kaj de la lokoj ligitaj kun la agado de Nikolao Kopernik / oratora konkurso / komitatkunsido de TEJO / ĉekandela vespero kun arta programo pri Nikolao Kopernik.

**La 19-an de julio — merkredo — Ekskursa Tago**

Aŭtobusa ekskurso laŭ turisma trako de Nikolao Kopernik: Torun — Golub-Dobrzyn — Brodnico — ktp. / koncerto en Pomorania Filharmonio

**La 20-an de julio — jaŭdo — Seminaria Tago**

Seminario de PEJ: „Junularo kaj eŭropa sekureco“ / komitatkunsido de TEJO / vespere ĉe fajrujo kun la polaj skoltoj en apudurba kastelo Dybowski.

**La 21-an de julio – vendredo – Studenta Tago**

Konferenco pri studenta Esperanto-movado / komitatkunsido de TEJO / komitatkunsido de STELO / ŝipekskurso sur Vistulo / STELOBALO.

**La 22-an de julio – sabato – POLA TAGO**

Filmoj pri Pollando / konkurso pri Pollando / komitatkunsido de TEJO / solena fermo de la Kongreso / forveturo el Torun / vespere.

**Krome eblas partopreni antaŭkongreson en Varsovio**

la 14-an kaj 15-an de julio, enhavanta ekskursojn, urbvizitojn, renkontojn kun varsoviaj esperantistoj. Ni speciale atentigas ankaŭ pri la postkongreso en Gdansk, seminario sub la temo „Balta Maro – Maro de la Paco".

La prezoj estos proksimume antaŭkong. + ĉefkongr. ĉ. 300 markoj, nur ĉefkongr. ĉ. 220 m, ĉefkongr. + postkongr. ĉ. 310 m, ĉiuj tri aranĝoj kune ĉ. 380 m. Nur tujtuja aliĝo ĉe CLR certigas ankoraŭ partoprenon. La kongreskomitato en Torun **ne** akceptas surlokajn aliĝojn.

---

**Kostoj por Hungara Kultur-festivalo**

Partoprenkotizo: 240 forintoj
Loĝado: 52 – 60 forintoj plus 45 forintoj maklerаĵo (por la tuta semajno)
Ekskursoj: (Esztergom/Visegrad) 200 f., (Balaton) 300 f., (Hungara pejzaĝo) 240 f., (Urboekskursoj) 60 f.
Matenmanĝoj 4 – 15 forintoj, tagmanĝo aŭ verspermanĝo 10 – 50 f. depende de la manĝo kaj la restoracia kategorio (kp. „de" 49, p. 23) (Informilojn, aliĝilojn k. t. p. ĉe Hungara Esperanto Asocio, Budapest 5, Pf. 193)

**5a internacia renkontiĝo naturamika en Abaliget**

Por la tuta aranĝo turisma 900 f. (kun propra tendo) ĝis 1250 f. (dometo depende de la litonombro)
Adreso: IREN-Esperanto, Pecs 1, pf. 2

**Die 16. Tagung des ZAK**

Der Zentrale Arbeitskreis führte am 12. 2. 1972 seine 16. Tagung durch, die im Zeichen der Vorbereitung auf den VIII. Bundeskongreß des DKB stand.

Die Mitglieder des ZAK diskutierten einen vorgelegten Entwurf neuer Leitsätze für die Tätigkeit der Esperantisten der DDR im DKB und gaben viele wertvolle Hinweise für die Erarbeitung der Endfassung, die auf der Zentralen Konferenz am 27. und 28. Mai 1972 in Berlin beschlossen werden soll. Die Direktive für die Durchführung der Wahlen der Bezirksarbeitskreise, die vom 15. März bis 15. Mai 1972 stattfinden, wurde erläutert und angenommen

**14-tagaj kursoj de Esperanto en Dudince (Slovakio) 3.–16. julio 1972**

Grupon por progresintoj instruos Simeon Hesapĉiev el Sofio, gvidinta multajn kursojn por komencantoj, por progresintoj kaj por instruistoj en Bulgario, Pollando, Francujo, Hungario, GDR.
Por loĝejo kaj por la kurso oni pagas 250 kronojn ĉe la alveno. Manĝado en restoracioj kaj bufedoj.
Oni akceptos malmultajn alilandanojn. Rapidu aliĝi, skribante al Ernesto Vaňa, Dudince, Okr. Zvolen, ČSSR.
Adreso de la kursgvidanto: Simeon Hesapĉiev, Tintjava 6, BLOKO 27, Sofia – 13

# *6. Esperanto-Zirkelleiter-Seminar*

Am diesjährigen Seminar für ehrenamtliche Leitungskader der Esperantogruppen des Deutschen Kulturbundes in Bad Saarow (6.–16. 1. 1972) nahmen 37 Esperantofreunde teil, deren Gesamtdurchschnittsalter erfreulicherweise niedriger war als bisher. Fast alle Bezirksarbeitskreise waren auf diesem Seminar vertreten, das hauptsächlich der *Auswertung des VIII. Parteitages der SED für die weitere Arbeit der Esperantisten im DKB* diente. Zu diesem Themenkreis referierte *Bdfrd. Hans Heinel,* dessen lebendige und tiefgründige Darstellung den besonderen Dank aller Seminarteilnehmer fand und eine hervorragende Grundlage für die lebhaften Diskussionen gab.

Die Herren *Dr. Körner* und *Dr. Höhne* vom Ministerium für Auswärtige Angelegenheiten behandelten die *„Entwicklung revolutionärer Prozesse in Lateinamerika“* sowie die *„Mitarbeit der DDR in internationalen Organisationen“*. Es folgten wertvolle Referate zu Fragen der *Manipulierung der Jugend in der westlichen Welt* sowie über *Probleme der sozialistischen Integration.* Besonderen Anklang bei den Seminarteilnehmern, deren äußerst lebhafte und kritische Diskussion zu allen Referaten von hohem Interesse unter guter Sachkenntnis zeugte, fanden auch die Darstellungen zu *wissenschaftlichen Aspekten der internationalen sprachlichen Kommunikation* durch die Herren *Prof. Dr. Viktor Falkenhahn,* Humboldt-Universität, und *Dr. Peter Ruff,* Akademie für Ärztliche Fortbildung, Sektion Philosophie und Wissenschaftstheorie.

Der Russischlehrer *Peter Liebig* gab eine Einführung zu *Fragen der Methodik des Esperanto-Unterrichts* und regte so zur besseren methodischen Durchdringung der Kurse an.

*Bdfrd. Ludwig Schödl,* verdienter Arbeiter-Esperantist, fesselte seine Zuhörer durch die lebendige *Schilderung persönlicher Erlebnisse* aus der Zeit, in der er die internationale Sprache Esperanto aktiv in den Dienst der proletarischen Sache gestellt hatte, nach 1933 in der Illegalität wirkte und nicht selten den faschistischen Häschern nur knapp entkommen war.

Der Vorsitzende des ZAK, *Rudi Graetz,* hielt einen *Lichtbildervortrag über die Mongolische Volksrepublik,* die er als DDR-Messedirektor im Oktober 1971 bereist hatte. *Detlev Blanke* zeigte *Lichtbilder aus London* und hielt *Vorträge zu Fragen der Worttheorie des Esperanto.*

Das Seminar wurde zu einem vollen Erfolg, gab neuen Elan für die weitere Arbeit und vermittelte allen Teilnehmern wertvolle neue politische und fachliche Kenntnisse. Hervorzuheben ist die hohe Disziplin aller Bundesfreunde sowie ihre aktive Mitgestaltung des Seminars: von *Diabeiträgen über die VR Ungarn (Bdfrd. Hamke,* Rostock) bis zu einem gelungenen *Abschiedsabend* mit recht ungewöhnlichen selbstgeschnittenen Tonbandeinlagen.

Die intensive Arbeit einer Woche hatte sich gelohnt. Davon zeugen auch die *acht erfolgreich bestandenen Examen.* Das Gelernte muß nun in der Praxis wirken.

*—e—*



*S-ino Hella Sauerbrey, senlace aktivas en la ĉefurbo. Ŝi sukcese uzas modernajn instrumetodojn.*

**Ehrenpionier der Stadt Smolensk**

Das Mitglied des Zentralen Arbeitskreises Esperanto der DDR im Deutschen Kulturbund, Bundesfrd. Otto Bäßler, ist seit den 20er Jahren in herzlicher Freundschaft verbunden mit dem Dozenten i. R. J. Krolik, Smolensk, Oberst der Roten Armee. In der Smolensker Zeitschrift „Smena" vom 18. 1. 1972 erschien ein großer Artikel „Ehrenpionier der Stadt Smolensk" über Otto Bäßler, der am 18. 1. 1972 75 Jahre wurde.

80 1972

**Neubrandenburg**

La DLR Neubrandenburg, sub la gvido de Werner Pfennig, multflanke agadas; speciale menciindas la bone evoluantaj kontaktoj kun la pola ĝemela urbo Koszalin. Delegacio de DLR estis de la 8a ĝis 10a de oktobro 1971 en la pola urbo. DLR eldonas informilon multobligitan, el kiu preneblas interesaj faktoj. En Anklam, Prenzlau, Krien kaj Lychen ekzistas kursoj. En Prenzlau amiko Moser eksinstruisto, gvidas laborsocieton Esperanto en la „Ernst-Schneller-Oberschule". En Krien oni instruas en la lingva kabineto de la lernejo „Ngyen van Troi". Ekspozicioj estis faritaj en Ducherow kaj Rossin.

**Kursfino**

La 29an de februaro kaj la 1an de marto 1972 la komencanta kurso en Berlin-Prenzlauer Berg gvidita de s-ino Sauerbrey (foto) finiĝis per ekzameno, kiu konsistis el 3 partoj. Dum la parola parto la kursanoj devis respondi al demandoj pri gramatiko, literaturo kaj historio. Krom tio ili devis legi kaj traduki esperantan tekston kaj libere paroli pri decidita temo.

En la skriba parto ili devis esperantigi germanan tekston kaj skribi raporton pri decidita temo „Nia Esperanto-kurso". Kiel juĝantoj agis la kursgvidantino, unu membro de la Distrikta Laborrondo kaj unu membro de la Centra Laborrondo.

Ĉiuj kursanoj sukcesis en la ekzameno tre bone aŭ bone kaj ricevis atestilojn.

La tria parto, kiun pretigis la kursanoj mem, okazis la sekvan tagon. Ĝi estis la amuza parto. Kaj komencis per rostitaj kokinoj kaj pommes frites. Poste oni gaje festis helpe de vino kaj esperantaj muzikaĵoj el sonbendoj.

Ĉiuj konsentis, daŭrigi la kurson unufoje ĉiumonate en la kadro de perfektiga vespero, dum kiu oni parte plue lernos, parte okupiĝos pri esperanta literaturo, parte senĝene libere konversacios.

(Laŭ informoj de s-ino Sauerbrey)

*Curt Kessler †*

## Deutsche Redensarten und Redewendungen in Esperanto XIII

**Tisch / unter den ... fallen** dissolviĝi en nenion; ne esti traktata; **sich zu ... setzen** altabliĝi sin; **zu ... geladen sein** esti invitita por tag- (vesper)manĝi; **er ist zu ...** li estas manĝanta; **reinen ... machen** forstreki cion antaŭan; fari novan komencon; **vor ...** antaŭ tagmanĝo; **freien ... haben bei** havi senpagan manĝon ĉe; **zu ... gehen** iri por manĝi; **geschieden von ... und Bett** geparita;
**Titel / einen ... führen** havi titolon;
**Toast / einen ... ausbringen** fari (diri) toston;
**Tod / auf Leben und ... kämpfen** pro vivo aŭ morto; batali por la vivo; batalo ĝis ekstremo; **... und Teufel!** mil diabloj kaj infero!; **... und Teufel nicht fürchten** ne timi morton nek inferon; **gegen den ... ist kein Kraut gewachsen** kontraŭ la morto ne ekzistas rimedo; **der weiße ...** morto sur la montoj; **der nasse ...** morto en akvo; **den ... finden** morti; **mit dem ...e ringen** agonii; **zu ...e ärgern** mortige ĉagreni; **den ...esstoß versetzen** doni al iu la baton de morto; elpeli iun el la mondo de la vivuloj; enpremi iun en la teron; doni al iu la finofaran baton;
**Tolität / seine ... Prinz Karneval** lia ekstravaganca moŝto;
**Ton / den ... angeben** sonigi la (ĝustan, komencan) tonon; havi la ĉefan (direktan) voĉon; doni la tonon; konduki la dancojn;
**Topf / alles in einen ... werfen** ne fari diferencon; trakti ĉion laŭ la sama modelo;
**Torheit / Alter schützt vor ... nicht** griza barbo saĝon ne atestas;
**Torschluß / kurz vor ...** en la lasta minuto;
**Tortur / auf die ... spannen** torturi;
**tot / das ... Meer** Morta Maro; **...e Last** balasto; **...er Punkt** neefika (neaga, malviva) punkto; **auf ein ...es Gleis schieben** meti en la keston de forgeso; prokrasti por ĉiam;
**Tour / auf eine krumme ...** nerekte; leĝevite; **auf ...en kommen** akiri rapidon; rapidiĝi;
**Trab / j—n auf ... bringen** vigligi iun;
**tragen / Bedenken ...** heziti; havi skrupulojn; **Haß im Herzen ...** nutri malamon en la koro; **Kosten ...** pagi la kostojn; **Neigung ...** havi emon al; havi simpation por; am(et)i; **Schaden ...** preni sur sin la deficiton (malprofiton); **zur Schau ...** publike montri; **Sorge ...** zorgi pri; **Verlangen ... nach** deziri (sopiri) **Kuvert** manĝo sen trinkaĵo; **...es Brot** nura pano;
sian profiton; **auf dem ...en sitzen** esti sen helpo; esti sen rimedoj; **...es** ion; **sich innerlich mit etw ...** intenci ion; **sich gut ... (Stoff)** esti solida (daŭrema);
**Träne / j—m keine ... nachweinen** ne postplori iun; ne bedaŭri ies foriron; **...en vergießen** plori; larmi; verŝi larmojn;
**trauen / dem Frieden (Braten) nicht ...** ne fidi la aferon; **ihm nicht über den Weg ...** mi ne fidas lin; **trau, schau, wem?** konfidu, sed vidu!;
**Trauer / ... haben** esti en funebro; **... anlegen** sin vesti funebre;
**Traum / das fällt mir im ... nicht ein** mi eĉ ne sonĝas pri tio;
**Träume / ... sind Schäume** sonĝoj preteriras; nenion antaŭdiras; **sich etw nicht ...en lassen** tion mi ne estus eĉ sonĝinta; ne povi eĉ sonĝi tion; **er träumt** li serĉas la pasintan tagon; li serĉas venton sur la kampo;
**treffen / sich mit j—m ...** rendevui kun; **seine Beschuldigungen ... mich nicht** ne tuŝas min; **Vorbereitungen ...** fari preparojn; **es traf sich** okazis, ke; **dieser Vorwurf trifft** adresiĝas al; **wen trifft die Schuld?** kiu havas la kulpon; **das trifft sich gut** kia favora koincido!; **gut getroffen (Foto)** bone (nature) aspektanta;
**treiben / etw auf die Spitze ...** peli al ekstremo ion; **j—n in die Enge ...** enanguligi iun; **es arg ...** (preskaŭ) transpasi la limojn; ekstravaganci;
**Treppe / ... auf, ... ab** supren malsupren la ŝtuparoj; **er wohnt 2 ...n** en la dua etaĝo;
**treten / zutage ...** aperi; malkaŝiĝi; manifestiĝi; **... Sie näher!** aliru!; proksimiĝu!; **j—m zu nahe ...** ofend(et)i iun; **einer Sache näher ...** ekinteresiĝi por; ekokupiĝi pri; **an die Spitze ...** ekestri; **an j—s Stelle ...** anstataŭi iun; **auf j—s Seite ...** aliĝi al la partio de; **in Briefwechsel ...** ekkorespondi kun; **in die Ehe ...** edz(in)iĝi; **aus den Ufern ...** transbordiĝi; **in Verbindung ...** ekinterrilati kun;
**treu / zu ...en Händen** konfidi al ies prizorgo; transdoni fide kaj konfide; **in guten ...en** bonafide;
**Tribut / ... zahlen** tributi;
**Trichter / etw ein...n** enbati ion en ies kapon;
**Tritt / im ... gehen** marŝi samtakte; **auf Schritt und ...** (li sekvas) ĉiun mian paŝon;

**trocken** / **... legen** dreni; sekigi (infanon); **sein Schäfchen ins ...e bringen** elsavi sian profiton; **auf dem ...en sitzen** esti sen helpo; esti sen rimedoj; **...es Kuvert** manĝo sen trinkaĵo; **„...es Brot** nura pano;
**trollen** / **troll dich!** foriĝu!;
**Tropfen** / **steter ... höhlt den Stein** de guto post guto disfalas granito; **ein guter ...** bona vino;
**Trost** / **du bist ja nicht bei ...** vi estas frenezeta (nenormalpensa); vi ja perdis la kandelon el la kapo; mankas klapo en via kapo; **bist du bei ...** ĉu vi estas freneza?;
**Trott** / **im alten ...** laŭ la malnova skemo (rutino); rutinaĉe;
**Trotz** / **... und alledem** tamen kaj malgraŭe;
**trüb** / **im ...en fischen** fiskapti en akvo malklara; fari nehonestajn fiŝadojn (negocojn;
**Tuch** / **das ist rotes ... für ihn** estas incitilo („ruĝa tuko") por li; **gut be...t sein** esti dotita per; ne malriĉa pri;
**tun** / **zu ... haben** esti okupata; **einen Blick ... in** ĵeti rigardon (en, sur); **j—m etw zu Liebe ...** fari ion por plaĉi al iu; **sich etw zu ... machen** protekste okupiĝi (en); **so ... als ob** afekti (kvazaŭ); ŝajnigi ion; **groß ...** fanfaroni; **sich gütlich ...** sin regali per; **mit j—m zu ... haben** havi aferon kun iu; **was hat das mit dem Thema zu ...?** kiel interrilatas tio al?; **tut nichts!** ne estas grave!; ne penindas!; nenian kaŭzon!; **er tut nicht gut** li ne montras sin taŭga; **das allein tuts nicht** tio sola ne sufiĉas; **der Motor tut es** funkcias; taŭgas; sufiĉas; **es tut sich was** io fariĝas (okasos);
**Tunichtgut** / **er ist ein ...** li estas pri laboroj maldiligenta, pri festoj plej kompetenta; malamanto de faro, amanto de kalendaro;
**Tür** / **Ostern steht vor der ...** Pasko estas proksima; **zwischen ... und Angel** inter martelo kaj amboso; **j—n vor die ... setzen** elpeli iun; **mit der ... ins Haus fallen** paroli surprize; paroli sen antaŭaĵo; **... und Tor offen** la pordoj estas vaste malfermitaj por; havas liberan eniron; estas afable akceptitaj; **kehre vor deiner ...** ne ŝovu la nazon en fremdan vazoni;
**tuten** / **keine Ahnung von ... und Blasen** nek sperton nek scion; nek talenton nek instruiĝon;
**Typ** / **mein ...** tipo ŝatata de mi; mia preferata tipo;

# U

**u. A. w. g. (um Antwort wird gebeten)** bonvolu respondi;
**übel** / **nimm mirs nicht ..., aber** pardonu, sed; **wohl oder ...** vole nevole; **es wird mir ...** mi sentas vomemon; **... angeschrieben sein** havi malbonan famon (ĉe iu); **... aussehen** aspekti malsana; **... nehmen** malbone akcepti; **... werden** ekmalbonfarti;
**über** / **das geht mir ... alles** tion mi preferas al ĉio alia; **... alle Maßen** nekompareble; **... und ...** tute; de Kapo ĝis piedo; **in Mathematik ist er mir ...** li superas min; **es ist ... 2 Uhr** pasis la dua; **den ganzen Tag ...** dum (en la daŭro de) la tuta tago;
**Überfluß** / **zu allem ...** por kompletigi la embarason;
**überlaufen** / **mich überläufts** mi tremfrostas; tremfrosto skuas min;
**überleben** / **sich überlebt haben** esti malmoderniĝinta (antikviĝinta);
**übertrieben** / **das ist ein wenig ...** tio estas iom forta (troigita);
**überwerfen** / **sich mit j—m ...** malpaciĝi kun iu;
**überwinden** / **ich muß mich sehr ...** mi multe sindevigas;
**übrig** / **es läßt zu wünschen ...** lasas ankoraŭ (ion, multon) por deziri; **ein ...es tun** fari pli ol necesas;
**um** / **einen ... den andern** (li savis) unu post la alia; **einen Tag ... den andern** en ĉiu dua tago; **j—n ... etw bringen** trompakiri ion de iu; **... sein** (la horo) finiĝis (pasis); **... so mehr als** tiom pli ĉar; **... und ...** ĉie ĉirkaŭe; **... was handelt es sich?** pri kio estas la afero?;
**Umgang** / **... halten mit** havi interrilatojn al;
**umgekehrt** / **... wird ein Schuh draus** la sama afero, sed kun la kapo al la tero;
**umhin** / **nicht ... können** senti sin devigata; mi ne povas ne aserti;
**umkommen** / **nichts soll ...** nenio perdiĝu!;
**Umlauf** / **in ... setzen** emisii;
**Umriß** / **in großen ...en** laŭ grandaj trajtoj; maldetale;
**Umstand** / **machen Sie meinetwegen keinen ...** ne uzu formalaĵojn pro mi; ne faru ceremoniojn; ne ĝenu vin!; **der ..., daß** la fakto, ke; **ohne Umstände** senceremonie; **unter Umständen** eventuale; **unter allen Umständen** ĉiukaze; **in anderen Umständen** graveda; **die Umstände bringen es mit sich** estas sekvo de la cirkonstancoj;
**Undank** / **... ist der Welt Lohn** bonfaron oni facile forgesas;
**Ungnade** / **in ... fallen** fali en malfavoron; perdi ies favoron;
**ungut** / **nichts für ...** ne malbone akceptu!;

(Fortsetzung auf Seite 15)

**S**

| | |
|---|---|
| Schsp. | Schachspiel |
| soz. | Soziologie, sozial |
| sp. | Sport, Spiel |

**T**

| | |
|---|---|
| tea; teatro | Theater |
| tek. | Technik |
| tekst.; text. | Textilien |
| tr. | transitiv |

**Z**

| | |
|---|---|
| zoo. | Zoologie |

Mit dieser Folge schließen wir die Veröffentlichung des **Komplementa Vortaro** von Herrn **Walter von Waldowski** ab. Wir sagen dem Verfasser aufrichtigen Dank für die Erarbeitung dieses Manuskriptes, das im In- und Ausland die gebührende Anerkennung erhielt.

---

Inzwischen ist im Verlag Enzyklopädie das **Wörterbuch Deutsch/Esperanto** von **Dipl. phil. Erich Dieter Krause erschienen.** Das Wörterbuch enthält auf 280 Seiten den modernen Wortschatz der deutschen Sprache mit adequater Übersetzung. Auch dieses Wörterbuch weist Erich Dieter Krause wieder als einen hervorragenden Lexikologen aus. Das Wörterbuch ist in allen Buchhandlungen erhältlich. In einer der nächsten Nummern unserer Zeitschrift erscheint eine Rezension.

## Komplementa Vortaro XIII

Walter von Waldowski

**urogal-o** Auerhahn (birdo Tetrao urogallus)
**ustilag-o** Getreidebrandpilz (bot. Ustilago)
**utilism-o** Utilitarismus; **--ano** Utilitarier, nur auf seinen Vorteil Bedachter
**uzukap-i** (jur.) usukapieren, ersitzen, durch ununterbrochene Benutzung erwerben
**uzurpator-o** = uzurpinto

# V

**vaks-o** Wachs: ...blume (bot. Hoya) **--floro**; ...lilie (Trillium) **--lilio,** a. **tripintlilio**
**vaku-o** Vakuum, luftleerer Raum
**valor-i** wert sein; **alproksimiĝa ---o** Annäherungswert; **krest--o** Spitzenwert
**vanad-o** (kem. El. 23) Vanadium
**vanes-o** (zoo. Vanessa) Eckflügler; dez. **belokula --o** Pfauenauge, **nigraranda --o** Trauermantel
**vant-oj** (mar.) Wanten, Seitentaue der Maste, a. **stajoj**
**varan-o** Waran, Großeidechse (zool. Varanus)
**varicel-oj** (path.) Varizellen, Windpocken
**vari-i** sich verändern, andere Formen annehmen
**variete-o** Varieté(theater)
**varp-o** (text.) Längsfaden, Kette, kp. **vefto**
**ved-o** (rel.) Veda, jedes der 4 altind. Religionsbücher
**veft-o** (text.) Einschlag, Schuß; **--ero** Einschlagfaden, kp. **verpo**
**vend-i** verkaufen; **--regiono** Absatzgebiet; **ne--ebla** unverkäuflich
**venen-o** Gift, kp. **toksino**; **--bero** Giftbeere, **--ranunkolo** ...hahnenfuß, **--sumako, --ilicjo, --garanjo k. aliaj --plantoj**
**vepr-o** Dorngestrüpp; **--ejo** durch ... unzugänglicher Raum
**vermut-o** Wermut 1. ...wein 2. (f.) Bitternis, kp. absinto
**veronal-o** Veronal (Gift)
**vertic-o** (geom.) Scheitelpunkt, Schnittpunkt der Schenkel, Spitze (e. Dreiecks)
**vesper-o** Abend
**vest-i** (tr.) sich anziehen, sich bekleiden
**vet-o** (parlament.) Veto, Einspruch, absoluta k. prokrasta --o
**vetur-i** fahren, sich mechanisch fortbewegen

**vezir-o** Vesir, Minister in islam. Ländern; **ĉef--o** Großvesir
**viand-o** (Kk.) Fleisch (Nahrungsmittel); **--isto** Fleischer
**viatik-o** (rel.) Viatikum, Wegzehrung, letzte Ölung,
--es Abendmahl
**vibr-i** schwingen, zittern, erregt sein
**vibrafon-o** (muz.) Vibraphon (Instrument mit schwingenden Metallstäben)
**vid-i** sehen; **unua--e** auf den ersten Blick
**viking-oj** (ethn.) Wikinger, Normannen
**vilaĝ-o** Dorf; **--estro** Gemeindevorsteher, Bürgermeister
**vimen-o** Korbweide (bot. Salix vimenalis)
**vindas-o** 1. (mar.) Windas, Spill, Göpel 2. (sp.) Rundlauf
**vintr-o** Winter; **--okverko** Winter- o. Traubeneiche (bot. Quercus sessilis); **--ololo** Winterlolch (bot. Lolium perenne)
**violonĉel-o** Violoncello, Kniegeige, Kleinbaß
**vip-o** Peitsche; **seprimena --o** Klopf...
**vir-o** Mann; **--ŝafo** Schafbock, Widder, **--bovo** Stier
**virt-o** Tugend
**virtuoz-o** Virtuose, hervorragender Künstler
**vitr-o** Glas (Substanz), kp. **glaso**
**viv-i** leben; **--nivelo** Lebensstandard
**vizit-i** besuchen; **flank--o** Abstecher
**voj-o** Weg; **--erari** sich verirren; **--forkiĝo** ...gabelung
**vojaĝ-i** reisen; **--febro** Reisefieber
**vojevod-o** Wojewode, Statthalter, a. Heerführer
**vokativ-o** (gram) Vokativ, Ruffall (mancher Sprachen)
**vol-i** wollen; **laŭ--e** beliebig; **propra--e** aus eignem Willen
**volitiv-o** (gram.) Volitiv, Wunsch- o. Befehlsform
**volupt-o** Wollust, Hochgenuß
**vor-i** fressen; **karno--a** fleisch-, **planto--a** pflanzen...d
**vort-o** Wort, Ggs. **frazo** 2 (lit.) Ausspruch; **laŭ--e** wörtlich
**vot-o** Gelübde, feierliches Versprechen; **--i** geloben
**vual-o** Schleier, Flor, (f.) Deckmantel

# Z

**ze-o** Goldmakrele, Dorde (zoo. Coryphaena)
**zed-o,** (sed-o) Fetthenne, Sonnenmoos (bot. Sedum)
**zigen-o** Hammerhai (fiŝol. Zygaena malleus), a. **maleoŝarko**
**zigzag-o** Zickzack-, Blitzlinie
**zini-o** Zinnie (bot. Zinnia)
**zirkon-o** (Edelstein) Zirkon
**zom-i** (aviad.) hochreißen (aviadilon)
**zorg-i** (ntr.) sorgen, sich bekümmern um; **--anto** Vormund
**zum-i** summen, brummen, dumpfes Geräusch machen;
**distribulinia --ado** (radio-) Netzgeräusch

**M**

| | |
|---|---|
| mar. | Meereskunde |
| math. | Mathematik |
| med. | Medizin |
| mek.; mech. | Mechanik |
| met. | Metereologie |
| mil. | Militär |
| min. | Mineral |
| mit.; mitol. | Mytologie |
| muz. | Musik |

**N**

| | |
|---|---|
| ntr. | nichttransitiv |

**O**

| | |
|---|---|
| o. | oder |
| opt. | Optik |

**P**

| | |
|---|---|
| pat.; patol. | Krankheit |
| pol. | Politik |
| pref. | preferinde, zu bevorzugen |
| pres. | Druck, Presse |
| psik.; psych. | Psychologie |

**R**

| | |
|---|---|
| rel. | Religion |
| rhet. | Rhetorik |

## F

| | |
|---|---|
| f. | ferner, für |
| farm. | Pharmakologie |
| fil. | Philosophie |
| fiŝ. | Fischkunde |
| fiz. | Physik |
| fon. | Phonetik |
| fos. zoo. | fossilzoologisch |
| fot. | Fotografie |

## G

| | |
|---|---|
| geom. | Geometrie |
| geol. | Geologie |
| gr. | Grammatik |

## J

| | |
|---|---|
| jur. | Jura |

## K

| | |
|---|---|
| kartensp. | Kartenspiel |
| kem. | Chemie |
| K.k. | Kochkunst |
| kl. | Kleidung |
| kl. hist. | Klassik |
| kp. | komparu, vergleiche |
| krkh. | Krankheit |

## L

| | |
|---|---|
| lit. | Literatur |
| log. | Logik |

## Stencilo ĝis substrato

Ni nun donas la reston de la s-litero de paĝo 88 (de 49)

**stencil-o** (Wachs-)Matritze (zur Vervielfältigung)
**stenologi-o** Zeichen- u. Kurzschriftkunde
**stenotajp-i** stenographieren u. Maschinenschreiben
**stenotipi-o** Maschinenstenographie
**sterk-o*** Dünger; **stala k. minerala --o** Stall- u. Mineral...
**sterled-o*** **Sterlett** (fiŝ. Acipenser ruthenus)
**sternum-o** (anat.) Brustbein
**stertor-o*** Röcheln, kp. **singulti, ronki**
**stevard-o** **(stjuardo)** (mar. avi.) Schiffskellner; **--ino** ...in
**stigm-o** 1. (bot.) Narbe, 2. (zoo.) Atemöffnung (niederer Tiere)
**stik-i** Stecklinge machen; **--ado** ...svermehrung
**stilet-o** Stilett, kleiner spitzer Dolch
**stilistik-o** Stilistik, Stilkunde
**stilus-o** (bot.) Griffel
**stirak-o** Storaxbaum, a. Styraxstrauch (bot. Styrax); **--balzamo** ... balsam
**stjuard(in)-o** Steward(esse)
**stolon-o** (bot.) Ausläufer, unterird. Trieb
**strab-i*** schielen; **--ulo** ...der
**strat-o*** Straße; **--bordo** Bordschwelle; **--a defluilo** Rinnstein; **antaŭranga --o** Vorfahrtsstraße; **al--a ĉambro** Vorderzimmer
**stratus-o** (met.) Stratus- o. Schichtwolke; **--okumuluso** Stratokumuluswolke
**streĉ-i*** spannen, straffen, anziehen; **--i sin** sich ..., anstrengen
**stri-o*** Streifen; **post--o** (mar.) Kielwasser; **--filiko** ...farn
**striknin-o*** Strychnin
**string-i** stringieren, umschlingen, fest zusammenziehen; **--ilo** (tek.) Drosselklappe; **--o** (med.) Streckverband
**stroboskop-o** Stroboskop, Schlitzseher
**strum-o** (pat.) Struma, Kropf, Schilddrüsenschwellung
**stuc-i** (bot.) einstutzen, zurückschneiden
**stud-i*** studieren; **foresta --ado** Fernstudium
**studi-o** 1. Studierstube, Atelier, 2. Versuchsbühne, Aufnahmeraum
**stupor-o** (med.) Stupor, krankhafter Schwachsinn
**subjunktiv-o*** (gr.) Subjunktiv, Möglichkeitsform
**sublimat-o*** (kem. farm.) Sublimat, Quecksilberchlorid

**subret-o** 1. Kammerjungfer, **2. (teat.)** Vertreterin schelmischer Mädchenrollen

**substitu-i** unterschieben, ersetzen, substituieren; (mat.) (eine Größe) austauschen, ersetzen; (el.) **--ilo** Austauschschalter

**substrat-o** Substrat, Grund- o. Unterlage, Grundstoff; (biol.) Nährboden

## Notoj

## Klarigoj

* = oficiala radiko

### A

| | |
|---|---|
| a | ankaŭ, auch |
| ä | ähnlich |
| anat. | Anatomie |
| arch. | Architektur |
| art | Kunst |
| astr. | Astronomie |
| avi | Luftfahrt |

### B

| | |
|---|---|
| biol. | Biologie |
| bird. | Vogelkunde |
| bot. | Botanik |

### D

| | |
|---|---|
| dz. | dazu |

### E

| | |
|---|---|
| el. | Elektrizität |
| eth. | Ethnographie, Völkerkunde |

**Unkenntnis / ... schützt nicht vor Strafe** pro eraro ne praviĝas la faro; ĉiu eraro estas kulpo;
**Unkraut / ... vergeht nicht** urtikon frosto ne detruas (difektas);
**unmöglich / sich ... machen** fari sin netolerebla; **j—n ... machen** kompromitegi iun;
**Unrecht / sich ins ... setzen** igi sin (mem) malprava; **... haben** esti malprava; **... tun** agi maljuste;
**Unschuld / ich wasche meine Hände in ...** mi lavas al mi la manojn; ne mia estas la ĉevalo, min ne tuŝas ĝia falo; min ne tuŝas la afero, mi staras ekstere;
**unser / wir waren ... zwei** ni estis duope;
**Unsterblichkeit / über die ... der Maikäfer nachdenken** serĉi la tagon pasintan; serĉi la venton sur la kampo;
**unter / ... der Hand** kaŝe; malpublike; okaze;
**unterliegen / das kann keinem Zweifel ...** tio estas senduba;
**unterschreiben / das kann ich voll und ganz ...** al tio mi plene kaj tute povas diri „jes";
**unvereinbar / ... sein mit** ne harmonii kun; malakordi kun; esti nekonforma al;
**unvermeidlich / sich ins ...e schicken** akcepti la neevitablan malbonon; **fari kun** kareso, se devigas neceso; kaŝi malbenon kaj fari bonon mienon;
**unverschämt / etw so ...es** io tiel impertinenta;
**Unwesen / dem ... steuern** forigi malordon; ĉesigi konfuzon; **sein ... treiben** (fantomo) bruas (en tiu domo); (infanoj) petolas (sur la strato); (rabistaro) vagis (en arbaro);
**Unwissenheit / ... schützt nicht vor Strafe** ĉiu eraro estas kulpo; pro eraro ne praviĝas la afero;
**Ursache / kleine ..., große Wirkung** de malgranda kandelo forbrulis granda kastelo; pro najleto bagatela pereis ĉevalo plej bela; ofte de kaŭzo senenhava venas efiko plej grava;
**Urteil / darüber hat er kein ...** pri tio li ne estas kompetenta;

# V

**va banque / ... spielen** riski la lastan ŝancon; hazardi;
**Vater / dem ... aus dem Gesicht geschnitten sein** esti portreto de sia patro; **...stelle vertreten** esti kvazaŭ patro; agi kiel patro; **unsere Vorväter** niaj prapatroj;
**Verantwortung / die ... tragen** esti (pri)responda; **zur ... ziehen** postuli klarigon (de iu pri io); **auf deine ...** je via risko;
**verargen / j—m etw ...** malaprobi (ies farojn); malbone alcepti (ion);
**Verband / einen ... anlegen** pansi; bandaĝi;
**verbauen / sich (j—m) den Weg ...** bari sian propran (ies) vojon; jeti bastonon en la radon;
**verbeißen / sich das Lachen ...** mordi la lipojn por ne ridi; reteni ridon; **sich in etw ...** obstine persisti ĉe io;
**verbindlich / ohne ...keit** sen garantio!;
**Verbindung / in ... stehen** kontakti; (ĉu la du ĉambroj) komunikas?; **... herstellen** kontaktigi (draton);
**verbitten / sich etw ...** ne toleri ion; (energie) rifuzi ion;
**verbleiben / es verbleibt bei dem geltenden Recht** la nuna juro restas (validas);
**verbunden / ich bin Ihnen sehr ...** mi ŝuldas multan dankon al vi;
**Verdacht / j—n in ... bringen** suspektatigi iun; **... hegen** suspekti; **... schöpfen** eksuspekti;
**verdenken / ich kann es ihm nicht ..., daß** mi ne povas malaprobi, ke li;
**verderben / ins ... stürzen** enabismigi iun; **es mit j—m ...** perdi ies favoron; **auf Gedeih und Verderb** por bono kaj malbono; por ĝojo kaj ploro; **ich habe mir den Magen verdorben** mia stomako malordiĝis;
**verdienen / sich verdient machen** meritiĝi je; akiri meritojn pri;
**verdrehen / j—m den Kopf ...** konfuzi ies kapon;
**verdrießen / sich keine Mühe ... lassen** ne domaĝi ian penon;
**verdrücken / sich ...** sin pafi for; forpeli siajn piedojn; forsavi sian korpon kaj animon;
**verekeln / j—m etw ...** kaŭzi al iu naŭzon pri io;
**verewigen / mein verewigter Vater** mia patro en paco mortinta;
**verfallen / dein Wechsel ist bereits ...** la pagdato de la trato jam pasis; **auf etw ...** venis al li la ideo; **Güter ohne Erben ... dem Staat** estas konfiskataj de la ŝtato;
**verfangen / das verfängt bei ihm nicht** tio glitas de li kiel pizo de muro;
**Verfassung / ich bin nicht in der ...** mi ne estas disponita;
**verfehlen / ich werde nicht ...** mi ne preterlasos la okazon;
**Vergasung / bis zur ...** ĝis tedego (freneziĝo);
**vergehen / da kann einem die Lust ...** oni povas perdi la deziron (emon, inklinon);
**vergeben / sich nichts ...** ne kompromiti sin; gardi sian dignon; **die Stelle ist ...** okupita; **sich vergebliche Mühe machen** perdi sian tempon;

**vergeblich / sich ...e Mühe machen** perdi sian tempon;
**vergessen / ich vergesse über die Unterhaltung, daß** la interparolo forgesigas min, ke;
**Vergleich / im ... mit** kompare kun;
**vergleichen / sich miteinander ...** akordiĝi; intercedi;
**verhängen / mit verhängtem Zügel** sen uzo de brido;
**verhelfen / j—n zu etw ...** helpi al iu atingi ion; havigi ion al iu; **zum Siege ...** triumfigi iun;
**verjüngen / in verjüngtem Maßstab** laŭ reduktita akalo;
**Verkehr / im ... sein** cirkuli;
**verkehrt / an den ...en geraten** malbonulo trovas malbonulon pli grandan; renkontiĝis la kato kun sentima rato; hakilo estas tranĉa, sed ne cedas la branĉo;
**verlassen / sich ... auf** kalkuli je iu; fidi al;
**verlauten / es verlautet, daß** oni diras, ke; **wie verlautet** laŭ onidiroj;
**Verlegenheit / j—m aus der ... helfen** malembarasi iun de; **sie wollen mich wohl in ... bringen?** vi eble volas min embarasi?;
**verleugnen / sich ... lassen** ne esti hejme por vizitantoj;
**verlohnen / es verlohnt die Mühe nicht** tio ne valoras la panon;
**verloren / das Spiel ... geben** sin konfesi venkita; **er ist ...** li ne plu estas savebla;
**vermögen / wenn du es über dich vermagst** se estas eble al vi; se vi povas devigi vin;
**Vernunftheirat** edziĝo pro amo flamanta al la sako sonanta; edziĝo laŭ **koro**, laŭ la kvanto da oro;
**verpflichten / jemand zu Dank ...** ŝuldigi al danko;
**verraten / ... und verkauft sein** esti perfidita kaj trompita;
**verrückt / wenn man ... wird, wird mans zuerst im Kopfe** putrado de fiŝo komenciĝas de l'kapo;
**versauern / man versauert** la spirito rustiĝas;
**verschlagen / das kann den Atem ...** tio povas rabi la spiron;
**verschließen / man kann sich nicht der Tatsache ...** oni ne povas malkonfesi la fakton, ke;
**verschütten / es bei j—m ...** perdi la favoron de iu;
**verschwiegen / unter dem Siegel der ...heit** konfidence;
**verschworen / alles hat sich gegen uns ...** ĉio (ĉiuj) estas kontraŭ ni;
**versehen / das hätte ich mir nicht von dir ...** mi ne kredis vin kapabla por tio; **ehe ich michs versah** antaŭ ol mi atendis; **ein Sofa versah die Stelle des Bettes** sofo anstataŭis liton;
**versprechen / ... und Halten ist zweierlei** ofte mano forgesas, kion buŝo promesas; plej facile promeso rimiĝas kun forgeso;
**Verstand / den ... verlieren** freneziĝi; perdi la saĝon; ricevi muŝon en la cerbon; perdi la kandelon el la kapo;
**verstehen / zu ... geben** komprenigi ion al iu; igi iun rimarki ion; **keinen Spaß ...** ne akceptemi ŝercon; **verstanden?** ĉu vi komprenis?; komprenite?; **versteht sich** certe!; kompreneble!
**versteigen / sich zu der Behauptung ...** eĉ riski aserti, ke;
**verstricken / jemand in etw ...** impliki iun en komploton;
**versuchen / sich versucht fühlen zu** senti inklinon (emon) al; senti emon al;
**Versuchung / in ... führen** tenti; **in ... kommen** esti tentata;
**verteilen / mit verteilten Rollen** kun diversaj parolantoj (roluloj);
**vertragen / sich wieder ... mit** reamikiĝi; repaciĝi; **sich ... wie Hund und Katze** esti en akordo kiel peto kaj mordo;
**Vertrauen / im ...** konfidence; **im ... auf** fidanto (siajn aliancanojn); **sich mit etw vertraut machen** enpenetri en (spiriton de lingvo);
**Vertretung / in ... des Herrn Ministers** anstataŭ(e de) sinjoro ministro;
**vertrösten / jemand auf etw ...** esperigi iun je io; **(hinhalten:)** atendigi iun je io;
**Verwahrung / j—m etw in ... geben** deponi ion ĉe iu; doni al iu ion por gardi;
**verwechseln / zum ... ähnlich** erarige simila;
**verweisen / j—m etw ...** riproĉi iun pro; malpermesi ion al iu; forpeli (el la patrujo);
**verwickeln / jemand in etw ...** impliki iun;
**verzeichnen / zu ... haben** povi registri;
**verzollen / haben Sie etw zu ...?** ĉu vi havas ion por deklari?;
**Verzug / Gefahr im ...** danĝero antaŭ la pordo;
**Verzweiflung / zur ... bringen** malesperigi;
**Veto / ... einlegen** protesti;
**viel / ... zu teuer!** troege multekosta; **... zu wenig** nepre tro malmulte;
**vier / unter ... Augen** inter (ni) du; **auf allen ...en** kvarpiede;
**Viktoria / schrei nicht zu früh ...!** ne diru „hop" antaŭ la salto!;
**Vogel / das ist ein seltener ...!** jen bela birdo!; jen dando el hundejo!; **er hat einen ...** li ricevis muŝon en la cerbon; li perdis la kandelon el la kapo; mankas klapo en lia kapo; **den ... abschießen** venki;
**Volk / etw unters ... bringen** popularigi;

# DISTRO

**Kreuzgitter zum Selbstbau**

de J. Hamann

*Setzen Sie folgende Worte ein:*

blovi, bruto, eta, febri, filmo, fluti, folio, gipso, ibiso, ikono, kakao, kazeo, klera, korki, kutime, laŭro, laŭta, leono, metra, naiva, odoro, ogivo, olivo, omaro, opalo, ora, ozono, pasio, polio, rezidi, ronki, rutino, skota, spiri, tapeto, teo, tie, usono, vitri, zorgi.

Bei richtiger Lösung ergeben die Buchstaben in den Feldern 1 bis 18 eine beherzigenswerte Aufforderung.



---

**KURACADO** / *Jürgen Hamann*

*Post edzeco dekdujara*
*Havis familio Linde*
*Eĉ ne unu infaneton*
*Malgraŭ volo. Bedaŭrinde!*

*Por nun solvi la problemon*
*Turnis sin la brava viro*
*Al doktoro famkonata*
*Kaj parolis pri deziro.*

*La doktoro rekomendis*
*Por edzino seninfana*
*Ke ŝi restu dum sezono*
*en banloko nordgermana.*

*„Ho, ni venas ĵus de tie!“*
*La sinjoro nun konfesis,*
*„Sed malgraŭ plejega volo*
*Fekundigo ne sukcesis!“*

*„La afero estas klara!“*
*La doktoro ekmurmuras.*
*„Vanaj estas la esperoj*
*Se — **VI** ĉiam kunveturas!“*




## *Amikeco GDR-Pollando*

*La jam tradiciaj rilatoj inter la esperantistoj de GDR kaj Pollando sub la novaj vojaĝcirkonstancoj certe pluevoluos al pli alta ŝtupo. La frataj ligoj inter ĝemelaj urboj de niaj ambaŭ ŝtatoj estas bone subteneblaj pere de esperanto-kontakto.*

**Bei polnischen Freunden**

Vom 8. 10. bis 10. 10. 1971 weilte eine dreiköpfige Delegation des Bezirksarbeitskreises Esperanto Neubrandenburg des Deutschen Kulturbundes in Koszalin. Sie folgte einer Einladung des Polnischen Esperantoverbandes Koszalin aus Anlaß des 22. Jahrestages der DDR. Während des Besuches wurden die Orte Mielno und Kolobrzeg besucht sowie eine Stadtrundfahrt durch Koszalin organisiert.

Die Gäste aus der DDR konnten sich anschaulich von den enormen Aufbauleistungen des neuen Polens überzeugen.

Der Höhepunkt des Besuches war das Treffen der Koszaliner Esperantisten mit unserer Delegation im Bezirkskulturhaus Koszalin.

Beide Bruderorganisationen tauschten Grußadressen und Geschenke aus. Der Vorsitzende des Bezirksarbeitskreises Esperanto, Werner Pfennig, zeigte einen Lichtbildervortrag über Berlin, Potsdam, Dresden und Neubrandenburg, der mit großem Beifall aufgenommen wurde.

Hervorzuheben ist die überaus herzliche Gastfreundschaft der polnischen Freunde, mit der sie uns umsorgten und der Umstand, daß es keine Verständigungsschwierigkeiten gab — beide Seiten nutzten die Vorzüge der internationalen Sprache Esperanto.

Der Besuch war ein allseitiger Erfolg und ein weiterer kleiner Beitrag zur Festigung der Freundschaft zwischen DDR und Polen.

***W. Pfennig***

*Pri la ĉi-sence bonega laboro de Neubrandenburg ni jam raportis en „der esperantist", 48, pĝ. 19. Intertempe la amikoj el la distrikto Neubrandenburg estis gastoj en Koszalin. Plue ni ricevis afablan artikolon de s-ro Poplawski pli liaj impresoj kiun ni kun ĝojo publicas (pĝ. 19).*

*De pola esperantisto:* **Impresoj pri GDR**

Lige al la informo pri la II-a Distrikta Renkontiĝo de Esperanto-amikoj en Neubrandenburg, presita en la n-ro 48 de „der esperantist", mi permesas al mi aldoni kelkajn vortojn. Mia ĉeesto fontis en la esperantlingvaj elsendoj de la Pola Radio. Iufoje enhavis la ĉiutaga programo intervjuon, en kiu mi parolis pri mia agado por Esperanto kiel militkaptito en Oflag II-A en Neubrandenburg. Tiaspeca elsendo kaŭzis kompreneblan eksciton en Anklam. La gvidanto de la loka rondo de esperanto-amikoj, Werner Pfennig, tuj invitis min per amika letero al Anklam, por partopreni poste en la maja renkontigo en Neubrandenburg. Tiu invito tre konvenis al mi, ĉar mi jam estis planinta vojaĝon al GDR, kie mi jam ekkonis la nordajn partojn sed nur el vidpunkto de haltejoj en vilaĝaj garbejoj dum la perpieda evakuado en printempo 1945 ekde mia lasta militkaptitejo Gross-Born ĝis Bad Schwartau ĉe Lübeck. En Anklam mi ricevis komfortan kvartiron en la gastama hejmo de s-ano Ernst Boese. Liaj edzino kaj filino konkurencis por agrabligi mian restadon. Tie mi havis okazon por fari ekskurson ĝis Stralsund, kie mi povis perŝipete meti piedon sur la faman insulon Rügen. De Neubrandenburg mi veturis al Halle/S. por reviziti mian amikon kaj multmeritan malnovan esperantiston Ernst Muthschall. Dum tuta semajno li ne ŝparis siajn jam ne junajn piedojn por montri al mi ĉiujn vidindaĵojn de la urbo, kiu impone rekonstruiĝas. De tie mi venis laŭ invito al antaŭe persone nekonata s-ano Max Nitsche en Leipzig. Ankaŭ li dediĉis sian tutan liberan tempon por esploroj tra la urbo. Neforgeseblan impreson postlasis en mia memoro la Popolojbatalo-Monumento, efikanta kvazaŭ moderna piramido. Plua haltejo estis Dresden. Krom Zwinger estis por mi aparta atrakcio la suprenveturo en la freŝdata teleturo. Sindonan gastamon montris al mi amikoj Rolf Deke kaj la ĉiujara ferianto en Miedzygórze Klaus Werner. Dumvoje al Berlin gastigis min s-ano Richard Herr en Potsdam. En Berlin mi trovis vere sinceran akcepton flanke de s-anoj Detlev Blanke kaj Willy Vildebrand. Ili ne ŝparis tempon por enkonduki min dum promenadoj en la problemojn de la giganta ĉefurbo de GDR.

Al ĉiuj supre menciitaj esperanto-amikoj, ankaŭ ne malpli al iliaj amplene pri mi zorgantaj edzinoj, mi ripetas mian profundan dankon. Mia vojaĝo pruvis denove, ke nur Esperanto naskas tiun sinceran, vivan, neprofiteman, internacian amikecon. Mi konstatis, ke post longa, deviga neaktiveco la esperanto-amikoj en GDR nun tre diligente eklaboris, pligrandigante la vicojn de la pacbatalantoj, kiaj laŭidee estas ja la adeptoj de Esperanto.

Gratulon kaj pluajn sukcesojn. *Jan Popławski — Poznań*

---

**Soldireco por Vjetnamio**

La membroj de la esperanto-grupo Magdeburg kolektis 50 markojn por la rekonstruo de la malsanulejo „Viet Duc" en Hanojo. En la jaro 1971 la esperantistoj de distrikto Rostock etute kolektis 316 markojn por la batalanta Vjetnamio, la distrikta elekta konferenco de 8-a de aprilo alportis sumon de 62 m. La partoprenantoj de la distrikta elekta konferenco en Dresden (16. 4. 1972) oferdonis 104 markojn. Esperantistoj el Leipzig asignis en decembro 1971 63 markojn al la solidareca konto.

Pluportu la torĉon de la solidareco!

# *Argumentoj por kaj kontraŭ Esperanto*

Ĝenerale mi ne ŝatas ĉi tiun temon en Esperanto-gazetoj. Kial ĉiam denove agiti esperantistojn por E? Sed jen nova, juna esperantistino demandis min pri trafaj argumentoj, por povi agiti pli efike. Pro tio mi konsciiĝis, ke ja ĉiujare necesas doni denove tiajn argumentojn.

Mi titolis ĉi tiun artikolon „argumentoj por kaj kontraŭ E". Fakte mi nur scias pri aro da argumentoj p o r E, aro da ŝ a j n argumentoj kontraŭ E kaj nur pri du e f e k t i v a j argumentoj kontraŭ E.

Mi nun ne volas ripeti ĉi tie, kio por ĉiu esperantisto en GDR facile estas atingebla, speciale en la kolekto de la Distriktaj Laborrondoj, tamen, por ŝpari tempon de interesitoj, mi indikas ĉi-rilatajn fontojn:

Aperis en „der esperantist"

| | |
|---|---|
| *n-ro 1/2 kaj 7/8* | *Richtlinien für die Tätigkeit der Esperantofreunde im Deutschen Kulturbund* |
| *n-ro 7/8* | *Prof. Podkaminer: Neutralismus und Pseudoneutralismus in der Esperanto-Bewegung* |
| *n-ro 13* | *Das Professorenkollektiv des Berliner Rundfunks antwortet* |
| *n-ro 14* | *Detlev Blanke: Esperanto und die UNESCO* |
| *n-ro 15* | *Prof. d-ro Bokarev: La internacia lingvosituacio kaj eblecoj de Esperanto* |
| *n-ro 18/19* | *Prof. d-ro Falkenhahn: Sprachwissenschaftliche Betrachtungen zur Rolle und Struktur des Esperanto* |
| *n-ro 42* | *Prof. d-ro Podkaminer: Lenin kaj Esperanto* |
| *PACO 1971 n-ro 4* | *Detlev Blanke: Kelkaj konsideroj pri argumentado kaj argumentoj* |

Tiuj artikoloj sufiĉe komplete donas niajn argumentojn por E kaj rifutas la ŝajnargumentojn kontraŭ E.

Se mi havas la ŝancon, povi paroladi en speciala kunveno, tiam mi laŭ cirkonstancoj elektas kutime inter du formoj: aŭ demonstri la praktikan utilecon de E, aŭ referi laŭ interlingvistika vidpunkto.

Mi iomete priskribas la du formojn:

Por la unua mi uzas valizon, kiun mi iom post iom elpakas sub la okuloj de la spektantoj, nur komentante la objektojn:

kovertoj el plej diversaj landoj, belege afrankitaj, belegaj bildkartoj, kutimaj ĝis grandegaj, el plej diversaj landoj — bildkartoj pri politika, porpaca, kontraŭimperialismaj temoj — mi atentigas pri elstare interesaj pm, ekzemple sovetiaj honore al 10- kaj 20-jara datrevenoj de fondiĝo de GDR — interesaj donacetoj el foraj landoj — belaj, efikaj, porpacaj afiŝoj el aliaj landoj, kiuj spegulas la mondvastan lukton kontraŭ la imperialismo . . .

Mi memkompreneble variigas laŭ la konsisto de la aŭskultantoj. Mi neniam spertis, ke eventualaj kontraŭuloj al E je la fino kuraĝis elpaki siajn ŝajnargumentojn.

Por la dua formo mi uzas sliparon, kiun mi konstante tenas aktuala. Mi citas temojn de la unuopaj slipoj: (La notoj estas germanlingve, ĉar mi ja parolas en tiuj kunvenoj germane, kaj mi citas ilin tiel.)

Wesen und Rolle der Sprache — Die Notwendigkeit einer internationalen Sprache — Der Zerfall von Weltsprachen — Ökonomik des Dolmetschens ... und was kommt dabei heraus? — Sprachen-Diskriminierung — Lösung durch „Kunstsprachen" — Hat Esperanto eine Perspektive? — E an den Schulen — E-Literatur — E im Radio und Fernsehen — E und Touristik — E und Wissenschaft — E und Friedensbewegung ...

Laŭ la konsisto de la aŭskultantaro mi memkompreneble plimalpli detale pritraktas la unuopajn temojn aŭ tute ne tuŝas ilin.

Tre ofte, post hazarda, mallonga diskutado ni aŭdas: „E certe estus bona afero, se ĝi estus rekonata de ĉiuj registaroj kaj instruata en ĉiuj lernejoj. Kiam estos tiel, ankaŭ mi lernos ĝin."

Kontraŭ tiu opinio ni povas argumenti i. a.:

Por kio E povus esti utila por vi? Por korespondado kun samideanoj (en la vera senco de l' vorto)? Aŭ por diskutadi kun homoj aliopiniaj trans lando- kaj lingvolimoj?

Nu, vi certe facile trovus multe pli da esperantistoj en la vasta mondo por kontentigi tiun deziron, ol vi iam bezonus. Ĉu ne egalas, ĉu la ceteraj homoj parolas jes aŭ ne E?

Ĉu vi estas filatelisto aŭ kolektanto de iu alia speco? Vi certe trovus multe pli da saminteresitaj esperantistoj en la vasta mondo, ol ...

Ĉu vi estas sciencisto, juristo, medicinisto, ĵurnalisto, ĉu vin interesas almenaŭ iomete internacia politiko?

En ĉiu kazo vi certe trovus multe pli da saminteresitaj esperantistoj en la vasta mondo, ol ...

Ĉu vi ŝatas pasigi viajn feriojn en aliaj landoj?

Se vi jam faris tion, vi scias, kiel vi estis ĉenita al via vojaĝgvidantino. Ankaŭ en fremda lando vi nur parolis germanan lingvon inter germanoj, vi tute ne konatiĝis kun indiĝena familio, ne scias, kiel aspektas ilia hejmo, kiel ili sintenas hejme, kiel ili parolas pri vi kaj via lando. Neniel vi povas klarigi al ili ion pri via lando, kvankam vi sentas ilian scivolemon. Vi ne povas amuziĝi kun ili. Ĉe danco vi estas muta.

Kontraŭe esperantisto multoble ĝuas restadon en alia lando. Ekzistas tiom da esperantistoj en aliaj landoj, ke ĉiam eblas aranĝi renkontojn kun ili en kiu ajn urbo. Ili ne nur estas ĉiceronoj, sed per ili vi vere vivas inter la anoj de la fremda lando, konatiĝas funde kun iliaj moroj, zorgoj kaj ĝojoj. Ofte tiel komenciĝis dumviva amikeco.

Kaj laste:

Multaj homoj volonte lernas kaj speciale **ek**lernas lingvon. Pli kaj pli ili spertas la malfacilecojn kaj konsciiĝas pri la amplekso de la transprenita tasko. Ofte la postuloj al la persistemo estas pli grandaj ol la kapablo, ĉar la progreso ne estas sentebla. Kontraŭe ĉe la studado de E **ĉiu** leciono peras **senteblan** novan scion. Jam nur la lernado de E alportas ĝojon kaj multe pli da lingvistikaj konoj ol la studado de alia lingvo. Ja nur pro tio E estas instruata en certaj lernejoj! *L. Schödl*

# EL LA DISTRIKTOJ



## Rekontiĝo en Ercmontaro

Treege sukcesa estis komuna vintra renkontiĝo de la Esperanto-grupo de la Pestalozzi-lernejo, Werdau, kun iliaj junaj geamikoj el Raschau.

Gaja „buda vespero", konkurso kun sledoj kaj multo alia certigis belegajn travivaĵojn (vidu foton).

## Malgranda grupo sed efika laboro

La Esperantogrupo de Delitzsch estas malgranda sed kiel ĝia faras sub la gvido de Herbert Kinzel vere valoran agadon. Kiel kulturgrupo, apartenanta al la fervoja riparuzino Delitzsch, ĝi estas menciita en la uzina kolektiva kontrakto (!) kaj eĉ ricevas monsubvencion (!) Multajn kontaktojn la grupanoj havas al eksterlandaj korespondantoj al kiuj ili regule sendas la GDR-eldonon de Paco. Jen kelkaj voĉoj:

..." F. Lünisch el Vieno skribis: *„Mi vidis, ke la ĵurnalo ne nur de presteknika, sed ankaŭ de kultura vidpunkto estas de alta nivelo."*

J. Daberwska el Pollando: *„Kun plezuro mi tralegis ĝin, verŝajne en estonta jaro mi aboniĝas al Paco."*

El Anglio alvenis longa dankletero ne nia ŝatata amiko Hora Barks.

El Jugoslavio venis letero de esperantisto kun la peto skribi sian adreson en nian gazeton:

*Privilegi Nives, str. D. Bricina 3, 51550 Mali Losinj, Jugoslavio.*

El Nederlando skribis M. van Bentum: *„En ĝi interesa estas la artikolo de Detlev Blanke."*

Nia amiko J. M. v. d. Lubbe ankaŭ sendis longan leteron: *„Bone mi ricevis vian revuon Paco kaj tutkore dankas al vi pro tio. Mia plej juna frato fariĝis per la intrigoj de Hitler kaj liaj adeptoj viktimo, oni faris tiam laŭ ilia „rajto" murdon! La tuta homaro scias ke Marinus van der Lubbe fariĝis viktimo. La Okcidentgermana tribunalo (mi esperas kaj deziras tion) D-ro Calie, Scienculo kaj advokato, D-ro Klempulu privata scienculo kaj historiisto laboras por la rehabilitacio. Mi estas nun 65-jara pensiulo, la demando estas, ĉu la naziinfluoj ankoraŭ ne estas pasintaj? Ĉu mi iam ĝisvivos la rehabilitacion de mia frato???"*

Nia japana amiko Seiici Yaginuma skribis: *„Hieraŭ mi ricevis „Paco". Jam delonge mi konas la ekziston de MEM. Mi ankaŭ estas membro de japana paca komitato kaj partoprenas en la movado por paco. Hieraŭ mi ankaŭ partoprenis en la demonstracio kontraŭ la „Okinava kontrakto".*

# INFORMOJ

## Jarkomenca kunveno en Reichenbach

Estiĝis preskaŭ tradicio, ke dum la monato januaro ĉiujare la Esperanto-grupo Reichenbach invitas la najbarajn grupojn partopreni aranĝon en la klubejo de la „Kultura Ligo" en Reichenbach. Tiel okazis la 15an de januaro 1972. Sekvis la inviton ĉirkaŭ 40 personoj el 8 grupoj.

Komencante la kunvenon k-do Würker, Reichenbach, pritraktis la rolon de nia lingvo dum la nuna batalo por paco kaj agnosko de nia respubliko kaj skizis la taskojn de ĉiu Esperantisto tiucele. Plue li voĉlegis la germanlingvan prelegon de k-do Blanke, Berlin, pri „Esperanto - Utopio oder mehr". Ĉi-tiu prelego trovis ĝeneralan aprobon. S-ano Straach, Netzschkau, raportis pri la kolokvio en Leipzig, aranĝita fare la CLR-Esperanto kaj substrekis la klopodojn, konatigi Esperanton en sciencaj rondoj.

Pri la kursgvidanta seminario en Hohnstein inter la 1.—6. novembro 1971 raportis k-do Sacher, Plauen. Vigla diskuto pri ĉiuj pritraktaj problemoj montris konformecon rilate al la ĝisnunaj laborprincipoj. Post komuna kafotablo referatis k-do Würker pri la variaj aplikeblecoj de la prepozicio „de", por plifundigi la lingvajn konojn kaj spertojn.

La kunveno finis per lumbildprelego de k-doj Nier kaj Weiß, Zwickau, pri komuna vojaĝo al Taŝkent kaj Buchara en Soveta Unio. Ili raportis interalie pri vizito ĉe s-ano Poliŝĉuk en Taŝkent, la prezidanto de la tiea esperanta organizo, kiu ilin akceptis en sia domo kiel bonvenantajn gastojn. Vigla aplaŭdo pruvis, ke la tuta tagaranĝo kontentigis ĉiujn partoprenintojn. *Willy Groß*

## Harmonia kunlaboro kun niaj ĉeĥaj geamikoj

Dum komuna estrarkunsido de E-grupoj de Karl-Marx-Stadt kaj Plzen, okazinta en Plzen oni decidis:

1. Dufoje en la jaro okazigi apudlimajn renkontojn inter limteritoriaj esperantistoj dum semajnfinoj. Unua okazos dum junio en Karlovy Vary, dua dum septembro en Plauen.
2. Organizi reciprokan helpservon dum vizitoj.
3. Aperigi bultenon kun adresoj de apudlimaj E-grupoj k informoj pri grup-vesperoj.
4. Peri kontaktojn inter kursgvidantoj por aranĝi reciprokajn vizitojn de E-kursoj.
5. Estonte regule okazigi komunajn estrarkunsidojn.

*Burmeister*

## Esperanto-tendaro 1972 en Karl-Marx-Stadt

Aliĝoj ĝis 5. 2. 1972: Bulgario 4, Rumanio 5, Hungario 1, CSSR 4, Pollando 5, Soveta Unio 5, GDR 10, Japanio 2.

El la programo: Folklora grupo „Erzgebirgsensemble", nacia premiito, prezentos folkloran programon

Junulara kantklubo el la uzino „Fritz Heckert" prezentos modernajn junlarajn kantojn.

Ambaŭ grupoj promesis prezenti ankaŭ kantojn en E.

Tuta estraro de la kampadejo nun lernas Esperanton por povi bone akcepti niajn tendaranojn.

*Burmeister*

# KORESPONDDEZIROJ

## Bulgario

Dez. korespondi kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj 42 jara enonomiisto, St. Cankov, **Ruse-6,** str. „Balgarka"-5

## ČSSR

Kontraŭ p. m. mi interŝanĝas 1500 bk el la tuta mondo. Zdanek Navrat, Slavickova 19. **Ostrava 1**

## Francio

Instruisto, serĉas korespondon kun gejunuloj. Le Mercier, 6 rue Beaumarchais 29 N, **Brest**

## GDR

Ni aranĝas fine de oktobro letervesperon. Bv. sendi al ni por tiu okazo bele afrankitajn bildkartojn. Ni dez. korespondi. Respondo certa. Skribu al s-ino Evelin Berndt, 806 **Dresden,** Helgolandstraße 9 b, GDR

Kursanoj, 12–40 jaraj, serĉas korespondon kun ĉiuj landoj, ĉefe kun la regionoj Usti/n.L. ČSSR, kaj Wroclaw/Pollando. Bv. sendi bele afrankitajn leterojn aŭ bk. Respondo certa. Skribu al s-ino Evelin Berndt, 806 **Dresden,** Helgolandstraße 9 b, GDR

Dez. korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo pri ĉiuj temoj, 30 jara. Bernd Marr, 6088 **Steinbach-Hallenberg,** Arzbergstraße 23, GDR

## Hungario

Lernantino, 11 jara dez. korespondi kun knaboj 12–18 jaraj, interesiĝas pri bk, diskoj, pm, artistofotoj. Persona foto petita. Edit Bicskei, **Budapest, IX** ker. Üllöi ut. 161, I. lepczöhaz, 1 emelet 8

Du lernantinoj, 17 jaraj dez. korespondi Eva Vati, vil Mernye, str. Lenin 49. **Somogy megye** / Judit Varga, vil. Mernye, str. Lenin 61, **Somogy megye**

Elektrikisto, 21 jara, dez. korespondi kun GDR-anoj, ankaŭ korespondas germane, interes. pri ĉiu temo. Molnar Istvan, Borgond Gardonyi, ut. 1, **Fejerm**

Letervesperon aranĝos nia Esperanto-rondo 25-an de majo okaze de la 15-a datrevenonde ĝia fondiĝo. Salutleterojn, bildkartojn sendu al Esperanto-rondo Progresso, **Dunaujvaros,** Baratsag u. 2. Vasmü Klub

Lernantoj 11–16 jaraj dez. koresp. Skribu al Lenardo Bukovski, **Vecses,** Samueli str. 107/a

## Pollando

Radioteknikisto, instruisto, 41 jara, dez. koresp., precipe kun anoj el Dresden kaj Berlin. Interesiĝas pri pm, turismo kaj sporto. Wojciech Sczakowski, **Lodz 11,** ul. Mokra 23 m 59

Esperantisto, 33 jara, dez. koresp. kun tuta mondo. Interesiĝas pri pm, bk, moneraj katalogoj, turismo, esp.-revuoj. Wladyslaw Stasiow, Skrytka pocztowa Nr 518, **Krakow 1**

Kuracisto, specialisto por pulmomalsanoj kontaktiĝas volonte kun samprofesianoj. Zygmunt Moskwa, **Opole,** ul. Pstrowskiego 1

Lernanto, 13 jara, dez. korespondi. Jan Laszuli, **Bytom,** str. Chetmonskiego 22/14

Gekorespondantojn en ĉiuj landoj por 30 geknaboj 11–15 jaraĝaj serĉas ilia instruistino Maria Wilczynska, ul. Obotrycka 22/3, **Szczecin-33**

## Soveta Unio

Rivija Lekutyte, **Vainhatiŝkiai 3–5.** Dotnuva-Akademija, 235051, Kedainiz Raj., Litova Sov. Resp. Ŝi estas 18 jara, kol. bk, ŝatas muzikon, lernas ankaŭ la polan, anglan lingvojn. Dez. korespondi tutmonde.

Dez. korespondi Ogonjkova Ella, 33 jara inĝenierino, 5 mikrorajono domo 54, kv. 31, 310103 **Čarkovo 103**

Elektrikisto, 23 jara, dez. korespondi, kol. bk, diskojn, librojn korespondas ankaŭ germane. Anatolio Ivasenko, **Krasnodar-27,** abonkesto 464

Instruisto de germana lingvo dez. korespondi kun geesperantistoj el la tuta mondo, principe el GDR, interŝ. de libroj kaj de opinioj. Ivan Kulakov, 34 jara. **Voronej-42,** Minskaja 19/2-141

Juna instruistino deziras korespondi pri literaturo. Skribu el tuta mondo al: Tamara Familnova, str. Volgo-Donskaja, 25/1, 340074 **Doneck,** Ukraina SSR

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.

Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke.

Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. – Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. Druck: VEB Druckwerkstätte Glauchau

III-12-8 261